Jaro 11 Februaro 1959 N-ro 3



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE **I. F. E. F.**

LA INTERNACIA FEDERACIO ESPERANTISTA FERVOJISTA

Sekretariejo: Orteliusstraat 108.III Amsterdam, Nederlando

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*



La bela, tute nove rekonstruita ĉefstacidomo de nia kongresurbo Linz.

# 11a Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso




LINZ/DONAU (Aŭstrio) 9—15 majo 1959

Adreso: Linz/D. Bahnhofstr. 3

Bankkonto: 75252, Arbeiterbank, Linz/D.

Christian Coulinstr. 32

**Informilo n-ro 3**



## ĜENERALAJ INFORMOJ

**Korespondado:** La sola kongreslingvo estas Esperanto. Persona korespondado nur kontraŭ respondkupono. Sendu la aliĝilon rekte al la LKK.
**Poŝtadreso:** 11-a IFEF-kongreso Linz/Donau, Bahnhofstr. 3, Aŭstrio.
**Kiel pagi:** Aliĝilo nur validas kun samtempa pago al la kongresa banko, Arbeiterbank Linz/Donau (Aŭstrio) Konto n-ro 75252.
Kongresanoj el landoj, el kiuj ne estas eble sendi la monon al Linz, sendu la monon al la landa delegito. La landaj delegitoj estas petataj sendi fine de ĉiu monato liston de la enpagintoj kaj ĉe la alveno en Linz finkalkuli kun la LKK.

**Kotizoj** (ekde la 10a de februaro 1959):

| | | | |
|---|---|---|---|
| Kongresano (membro de IFEF): | 110 | aŭstr. | ŝilingoj |
| Kongresano (ne membro de IFEF): | 130 | ,, | ,, |
| Pensiulo: | 70 | ,, | ,, |
| Familiano: | 70 | ,, | ,, |
| Subtenanto: | 30 | ,, | ,, |
| Pago por rezervigi la ĉambron: | 50 | ,, | ,, |
| Postkongresa antaŭpago: | 50 | ,, | ,, |

La kotizo inkluzivas la pagon por ĉiuj aranĝoj krom la tuttaga ekskurso kaj eventualaj autobuskostoj por virinaj ekskursoj.

**Aliĝiloj:** La aliĝilo estas grava dokumento. Do notu ĉion klare kaj preslitere! Vi faciligas la laboron por LKK kaj evitas multajn ĉagrenojn, se vi atente tralegas la aliĝilon kaj notas ĉion akurate. Ni dankas al vi!

**Limtago por aliĝilo:** 10-a de aprilo 1959.

**Glumarkoj:** Kontraŭ po respondkupono ni sendas folion (10 diverskolorajn glumarkojn). Uzu ilin propagandcele.

**Devizoj:** Validas la oficialaj devizaj kursoj. En la kongresejo pagu nur per aŭstra mono.

**Kongresejo:** troviĝas en **Kaufmännisches Vereinshaus,** Angulo Landstrasse-Bismarkstrasse, 10 minutojn de la ĉefstacidomo (piede). Tramhaltejo „Schillerplatz". Ĉiuj kongresaj aranĝoj okazos en la kongresejo.

**Ekskursoj:** La kotizo por la tuttaga ekskurso estas ŝ 50 (inkl. manĝado). Bonvolu pagi ĉe alveno. Ĉe enurbaj ekskursoj la eventualaj aŭtobuskostoj estos enkasataj en la aŭtobuso.

**Informoj:** En la ĉefstacidomo (alvenhalo) funkcios informangulo sabate la 9-an de majo ekde 5-a horo matene ĝis la 20-a horo vespere.
La akceptejo mem troviĝas en la kongresejo. Tie ankaŭ estos informejo.
**Fervojrabato:** Laŭ la konvencio aktivaj fervojistoj ĝenerale ĝuas senpagan vojaĝon, kaj la familianoj 50 % rabaton. Por ricevi pli detalajn informojn vi turnu vin al viaj landaj fervojaj instancoj. Ni petis nian fervojan administracion pri rabato por pensiuloj; detaloj sekvos.
**Tombolo:** L.K.K. aranĝos tombolon en la kongresejo, al kiu ni petas ĉiujn kunporti donacojn. Kaj ni petas tiujn, kiuj ne venos al la kongreso sendi ion. Povas esti libroj aŭ specialaĵoj de via lando, kion oni ne trovas en aliaj landoj. Kaj bone atentu, ke la tuta profito iros en la kason de IFEF, sed nur favore al „La Internacia Fervojisto".
Do memoru: se la donaco estas eta aŭ granda, la redaktoro estas same danka!!
**Simpatiantoj:** Ĉiu simpatianto, kiu estos paginta la kotizon, ricevos la kongreslibron kaj -insignon.
**Poŝto:** funkcios en la kongresejo.
**Monŝanĝejoj:** En la ĉefstacidomo kaj proksime de la kongresejo. Multajn aliajn vi trovas en la urbo.
**Loĝado:** En Linz troviĝas relative malmulte da unulitaj ĉambroj, pro tio do bonvolu klopodi loĝi kun amikoj. Ne forgesu enpagi la garantion por hotelrezervigo kune kun la kongreskotizo (vidu la aliĝilon).
Amasloĝejoj estas tre malmultaj: la dispono okazos en sinsekvo de la alvenintaj aliĝiloj. La germanlingvulojn ni klopodos enloĝigi private anstataŭ en amasloĝejoj. Prezoj laŭ la aliĝilo.
Se vi mendas ĉambron por vi kaj viaj familianoj, pagu nur ŝ 50 por la rezervigo. Alikaze ŝ 50 devas esti antaŭpagataj po persono.
Por amasloĝejo ne pagu rezervigmonon.
**Manĝado:** Ĉar restaŭracio troviĝas en la kongresejo, ni rekomendas mendi manĝkuponojn sur la aliĝilo (la prezojn vidu tie). Laŭ la mendo vi ricevos la kuponojn.

## KOREKTO

La bankkonto de la L.K.K. estas n-ro **75252,** anstataŭ 75151 kiel menciite en Kongresa Informilo n-ro 2.
Kiu deziras pagi la kotizon per poŝto, sendu la mono al ARBEITERBANK LINZ/D. Poŝtĉekkonto n-ro 149030 kaj indiku: Esperantokongreso, subkonto n-ro 75252.

La L.K.K.

## INTERNACIA KORESPONDSERVO

Kompreneble vi ĉiuj atendas pririgardon pri la farita laboro de la gvidanto de la I.K.S.
En la kongreso en Aarhus oni decidis fondi Internacian Korespondservon. Subskribinto akceptis la gvidadon. Li certe atendis multajn petojn el nia anaro por korespondi. Sed bedaŭrinde li ricevis dum la jaro 1958 nur 16 petojn de korespondemuloj. Tiu nombro ne sufiĉas por interŝanĝi diversajn demandintojn, el kio sekvas ke kelke da petantoj devas atendi, ĉar por ili mi ankoraŭ ne havas korespondanton.
En la jaro 1959 espereble anoncos sin pli da korespondemuloj, inter kiuj ankaŭ vi, kiu ankoraŭ hezitas pro ne-sufiĉa kono de nia lingvo.
Ne gravas, ankaŭ por komencantoj ni certe trovos konvenan korespondamik(in)on, se ili nur anoncu sin.

La adreso estas: s-ro W. Biesheuvel, Ceramplein 58 hs, Amsterdam, Nederlando. Al ĉiu peto oni tamen almetu unu Internacian Respondkuponon.

**Deziras korespondi**

30 Vienaj fervojistaj gesamideanoj (kurspartoprenantoj) deziras korespondi kun ĉiulandaj samfakuloj por interkonatiĝi dum la 11-a IFEF-postkongreso en Vieno (15—18 majo 1959).
Adreso: Josef Zink, WIEN X, Economogasse 33, Aŭstrio.

## POR NIA BULTENO

De nia dana sekcio ni ricevis *f* 83,60 estanta la dua duono de la profito el la tombolo de la arhusa kongreso. Tiun sumon ni cedis al DEFA por kovri la deficiton de la kongreso. Ĉar poste montriĝis, ke ne estas deficito, ili sendis la monon al ni. La kasisto ĝoje kvitancas, kaj dankas la L.K.K. por la bona mastrumado.

## BONVENON EN LINZ!

La urbo Linz, nomita la „Danuburbo ĉe la alprando", post la dua mondmilito multe pli grandiĝis kaj graviĝis kaj pro tio ankaŭ jam ofte estis loko por la plej diversaj kongresoj. Pro tio ne estas mirige, ke ankaŭ la esperantistaro kongresas en tia urbo. Dum la jaro 1955 okazis la 28-a SAT-kongreso en Linz kaj nunjare la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj kore invitas siajn gekolegojn el la diversaj landoj en tiun ĉi urbon por festi la 11-an IFEF-kongreson.
Linz jam en la antikva tempo estis grava centro komerca pro sia favora situo ĉe komercvojo nord-suda apud la Danubo. Linz neniam estis deklarata urbo de iu duko, sed ĝi fariĝis pro sia ideala situo jam en frua tempo grava komerca centro kaj tiel ĝi ankaŭ atingis siajn specialajn rajtojn, kiujn aliaj urboj ricevis nur kiel distingojn de la regantoj. Dum la mezepoko la urbo rapide kreskis, sed la pleja progreso okazis post la jaro 1938 pro la konstruo de grandaj ŝtal- kaj ĥemiaj uzinoj. La nombro de la enloĝantoj duobliĝis dum tiu tempo. Pro tio Linz hodiaŭ ankaŭ estas moderna urbo. Diversaj partoj de la urbo estis bombdetruataj kaj ankaŭ tio post la milito kun grandaj penoj estis likvidata. Nun Linz ne plu devas rekonstrui, sed la konstruado estas daŭrigata kaj pro tio la urbo ĉiam kreskas.
Jam frue Linz en diversaj rilatoj pruvis sian progresemon. La unua fervojo sur la kontinento, la ĉevalfervojo al Budweis komencis en Linz, sed la plej genia siatempe estis la plej kruta adhesia fervojo al sur la Postlingberg. Antaŭ kelkaj jaroj Linz pro la eltrovo de LD-ŝtalo denove famiĝis.
Pro la proksimece ĉe la montarregionoj diversaj Linz estas ideala centro por ekskursoj en la diversajn lokojn en la liglandoj. Pro tio ankaŭ en Linz regas granda fremdultrafiko. Parton de tiu rava lando la kongrespartoprenontoj ankaŭ traveturos dum la tuttaga ekskurso.
La Linz-a LKK klopodas jam nun, aranĝi la kongreson kiel eble plej bela kaj dum la kongreso ni ankaŭ klopodos, kontentigi ĉiujn dezirojn. Ni zorgos ne nur por la laborprogramo, sed vi ankaŭ partoprenu la vivon de la urbo per kulturaj aranĝoj, vizitoj al diversaj industrioj kaj dum la tuttaga ekskurso vi vidos la montaran regionon kun festeto en rondo de la enloĝantoj kiuj montros al vi parton de siaj muziko kaj dancoj. La urbo Linz ĉiam klopodas agrabligi la restadon por la fremduloj kaj ankaŭ LKK certe kontentigos viajn dezirojn. Do, Bonvenon al la 11-a IFEF-kongreso. Bonvenon en Linz.

Max Hollinger

## TAGORDO DE LA LABORKUNSIDOJ

1. Malfermo.
2. Elekto de protokolistoj.
3. Ricevitaj salutleteroj kaj telegramoj.
4. Rimarkigoj pri la kongresraporto en Aarhus.
5. Pritrakto de la jarraportoj.
   a. de la sekretario,
   b. de la kasisto,
   c. de la redaktoro.
6. Pritrakto de la kongresproponoj.
7. Priparolo de la nova situacio en la estraro, post pensiiĝo de la sekr.
8. Estrarelekto.
9. Elekto kaskontrola komitatano.
10. Elekto konflikta komitato.
11. Elekto de la kongresloko en 1960 kaj la provizora en 1961.
12. Libera diskutado.
13. Resumo de la kongresdecidoj.
14. Fermo de la laborkunsidoj.

## PROPONOJ

1. **De la IFEF-estraro:**
   La kotizo restu la sama.

2. **De la IFEF-estraro:**
   Laŭ sugesto de la arhusa kongreso ni aldonu al la IFEF-regularo, art. 16: „Redaktora Komitato, konsistanta el la redaktoroj de la landaj sekcioj kaj la IFEF-redaktoro.

3. **De A.E.F. Aŭstrio:**
   La emajla parto de la kongresinsigno 1959 estu akceptata kiel oficiala IFEF-insigno.

4. **De G.E.F.A. Germanio:**
   La kongreso devigu la landajn asociojn, pli forte ol ĝis nun koncentri siajn laboradon al utiligo de la lingvo Esperanto por la fervojaj trafiko kaj varbado.
   **Komentario:** Jam de ses jaroj la Germana Federacia Fervojo prezentas la Internacian Lingvon en faldfolioj multnombraj, de kvin jaroj en la granda Oficiala Horaro, de tri jaroj en poreksterlanda aldonaĵo de germanaj kaj tuteŭropaj komunikoj.
   Kvankam intertempe sekvis kelkaj landoj almenaŭ per varbprospektoj, Esperanto tamen tute mankas en horarlibroj.
   Ekestas la granda danĝero, ke la germana administracio malhelpos la uzadon de Esperanto, dirante, ke ĝi ne daŭre povos esti la ununura fervoja entrepreno utiliganta Esperanton.

5. **De G.E.F.A. Germanio:**
   La definitiva titolo de la IFEF-organo (ĝis nun „Bulteno") estu: „La Fervojista Esperantisto".
   **Komentario:** La nova titolo de nia IFEF-organo ne estas definitive fiksita en la 10-a kongreso. Pro tio ĝi nur povas esti rigardata „provi-

zora". Krom tio s-ro De Jong, la tiama redaktoro, diris en la kongreso: „La nomo Internacia Fervojisto ŝajnas al mi ne bona".
Cetere temas ja unuavice pri organo de esperantistoj kaj nur due de fervojistaj eseprantistoj.
Tute ne necesas diri, ke ĝi estas internacia, ĉar tio estas legebla en la subtitolo.

6. **De G.E.F.A. Germanio:**

Komisiono 5 Giessner Walder Szekeres Franco Burger

Gefa denove proponas ŝanĝi la artikolon 16 de la kongresregularo (ĝi troviĝas en IFEF-Bulteno de aŭgusto 1956) laŭ jena teksto:
La linioj unu ĝis sep restu kiel ĝis nun. Poste oni daŭrigu:

a. Organizado, gvidado kaj farado de la prelego estu komisiataj al la LKK, kiu zorgas pro senriproĉaj, bonordaj prilaboro kaj prelego.
b. La prelego temu pri ĉiuj ĝeneralaj intersaĵoj de la fervojoj en la gastigonta lando, akcentante la interesajn **aktualaĵojn.**
   Objektoj de tia prelego povus esti la evoluo de la fervoja reto, rilatoj inter fervojo, aŭtomobilo, ŝipo kaj aeroplano, la stato de vagon- kaj lokomotivkonstruado, elektrigo de trakoj, socialaj aferoj, tarifoj, horaroj, salajroj, instruado ktp.
   Laŭeble la prelegteksto estu klarigata de lumbildoj kaj filmoj.
c. Post la prelego la teksto estu liverata kiel „Suplemento" al la kongreslibro al ĉiuj kongresanoj, tiamaniere utiligebla por personaj kaj asociaj celoj.

Komento en la kongreso.

## TAGORDO DE LA ESTRAR- KAJ DELEGITA KUNVENO

1. Malfermo.
2. Pri la elekto de protokolistoj dum la kunsidoj.
3. Klarigo pri la stato en la estraro, kaj sugestoj pri la gvidado de IFEF.
4. Raportoj de la landaj sekcioj.
5. Ion pri la plej grava kongresa dokumento: La aliĝilo.
6. Eventualaj rimarkigoj pri la kongresproponoj.
7. Proponoj pri novaj punktoj por la laborkunsidoj.
8. Libera diskutado.
9. Fermo.

## KUNVENO DE LA TERMINARA KOMITATO

1. Malfermo kaj raporto de la gvidanto.
2. Raportoj de la landaj kunlaborantoj pri la farita laboro.
3. Sugestoj pri nova tasko.
4. Libera diskutado.
5. Fermo.

## JARRAPORTO DE LA SEKRETARIO PRI LA JARO 1958

En la vivo de la homoj sed ankaŭ en tiu de la organizaĵoj diversspecaj, ankoraŭ antaŭ nelonge, denove jaro finiĝis. La bruo de la fajraĵoj, sonoriloj, kaj la fajfado de la ŝipoj en la havenoj, kiuj laŭtradicie adiaŭas tiamaniere la malnovan jaron kaj bonvenigas la novan, ankoraŭ sonas en la oreloj kiel malproksima eĥo. Ankaŭ ni, fervojistaj esperantistoj, transpaŝis la sojlon kaj staras kun ambaŭ piedoj en la nova jaro 1959a post la pasigo de la jarŝanĝiĝo laŭ propra tradicio en familia rondo aŭ pro deĵordevoj en laborejoj kaj sur la vastaj fervojaj terenoj. Kie ajn oni estis, la jarŝanĝiĝo estas la momento de fulmrapida pensado pri ĉio travivita en la adiaŭanta jaro. En

tiu ĉiujare revenanta momento la sentoj ne estas la samaj ĉar tion difinas la batoj de l' sorto, feliĉo kaj ĝojo aŭ riproĉoj de la konscienco.
Kvankam la ĉefestraro esperas, ke la malnova jaro nur alportis la bonan parton al niaj geamikoj, laŭ spertoj kaj informoj ni scias, pri la ne tuta realiĝo de tiu espero. Kvar el niaj fidelaj amikoj forlasis nin pro morto.
Estis niaj amikoj: Namors el Aŭstrio, Alciati kaj Vannucchi el Italio, Verschoof el Nederlando. Ilia amikeco kaj fideleco al nia movado restos en niaj memoroj. Ke tiuj amikoj ripozu en paco!

Pli multnombraj estas la geamikoj, kiuj perdis unu el la plej amatoj aŭ estas malsanaj. Al ĉiĉiuj mi povas certigi nian daŭran kunvivadon kaj al la lastaj ni deziras tre baldaŭan resaniĝon. Bedaŭrinde ni estas senpotencaj kontraŭ la batoj de la sorto sed la sanaj geamikoj ne estas senpotencaj konservi la bonan sanstaton en organizo, kia sincera amikeco. Ni do kontraŭbatalu danĝerajn malsanojn aŭ la simptomojn de tio, pro kio nia IFEF restu sana kaj batalpreta por eviti ĉion, kio povus domaĝi ĝin.

Per tiuj ĉi vortoj mi celas montri ĝeneralsence la atenton de la ĉefestraro pri tio, kio vivas en nia Federacio.

La mondcirkonstancoj, kiel dum multaj jaroj, kaŭzis al ni zorgojn sed ankaŭ internaj cirkonstancoj, kiujn ni ne povas malatenti. Tio necesigis al ni prezenti en la pasinta jaro kelkajn nepopularajn proponojn, kvankam kontraŭvole. Estraro, akceptinta la respondecon de la gvidado en organizo, havu la kuraĝon akcepti la konsekvencon de necesa propono, kiam oni hezitas, tio povas konduki al malsaniĝo, havanta la konatajn sekvojn.
IFEF estas sana sed ankaŭ en tia stato la ĉefestraro estu la kontrolanta kuracisto, donas instrukciojn aŭ skribu recepton por la plej efika medikamento, se tio estas necesa. Estas ĉiuokaze pli rekomendinda eviti ol kuraci malsanon aŭ engluti ĉaralatanan medikamenton. Pri la diagnozita malsano la parencoj (membroj) estu detale informataj kaj finfine decidu pri tio, kio devos okazi.
Same kiel multaj aliaj organizoj en la postmilitaj jaroj IFEF luktadas kun ĉiujare ŝanĝiĝantaj politikaj kaj ekonomiaj cirkonstancoj en la mondo. Malfacilaĵoj, eĉ neebloj, transigi la kotizon je nia konto, pli altiĝo de la prezoj inter kiuj la poŝttarifoj, devulacioj de monunuoj kaj la limigo de la naciaj konsumadoj per novaj impostoj ktp. por mencii nur kelkajn.
Propono pri plialtigo de la kotizo ne estas populara, precipe en kultura organizo, sed ne ekzistas ideala rimedo por konservi ekvilibran bilancon en organiza mastrumado. La cirkonstancoj do devigis al ni peti oferon al niaj membroj reduktitan al la minimumo, tamen kun la plena konscio, ke ni metis pezan ŝarĝon sur la ŝultrojn de la landaj kasistoj. Ke la propono estis unuanime akceptita, pruvas la bonan komprenon pri la neceso.
La saman komprenon ni konstatis pri la alia nepopulara propono flanke de ĉefestraro „la elekto de tri novaj estraranoj". La propono tutcerte ne venis neatendite kaj mi nur bezonas atentigi pri mia averto en la protokolo de la 7a kongreso en Zürich sur paĝo oka en la Bulteno de aŭgusto 1955, la lastaj frazoj. „Lok, la sekretario, kun akcento avertas la delegitojn serĉi novajn fortojn por la estrarfunkcioj. Estos verŝajne, ke la nuna estraro povos resti ĝis la Deka kongreso sed tiam ĉiuj estraranoj estos 60-jara aŭ pli aĝaj." Esence mi jam avertis unu jaron pli frue en Verona „1954" kaj ne difinis la funkcion aŭ funkciojn por kiuj ni post ne tro longa tempo bezonos anstataŭontojn.
Mi scias, ne estas agrabla tasko prezenti tian proponon sed el kia vidpunkto ni pririgardu la neceson? La situacio en tiu momento verŝajne ne jam estis

urĝa sed per injektoj aŭ dormiga kuracie en tiu momento verŝajne ne jam estis urĝa sed per injektoj aŭ dormiga kuracilo oni ne junigas maljuniĝanton. En Rijeka mi ankaŭ sufiĉe klare esprimis min, Bulteno de la jaro 9a No. 6, sed eĉ la ŝanĝoj de la funkcioj ne estis definitiva solvo.

Pro tio nun en Aarhus eksiĝis tri estraranoj samtempe, duonigo de la malnova estraro. Ni havis la plezuron, ke la kompleta malnova estraro ĉeestis la jubilean kongreson kaj niaj eksiĝintoj persone povis akcepti la elekton al honoraj prezidanto kaj membroj. Ni sincere gratulas ilin pro la honoro kaj arde esperas, ke ili kun la samaj sentoj ofte pensos en la estonto pri la honesta kaj sukcesplena kunlaboro en nia estraro. Estas ja unika okazantaĵo, ke estraro dum dekjara periodo povis laboradi sukcesplene por komuna idealo. Por tio ni ekzilu el niaj pensoj personajn aspirojn kaj plenumu ankaŭ estontece la promesojn kun la samaj entuziasmo kaj akurateco. Estis la amara neceso, ke ni disiĝis, ne nur pro la aĝoj sed ankaŭ pro aliaj motivoj, kiuj ne povas garantii al ni senriproĉan daŭrigon de la laboro en nia Internacia Federacio. Aliĝis al nia ĉefestraro du novaj kaj junaj amikoj, el kiuj la nova kasisto certe jam montris siajn meritojn en nia loka grupo. La nova ĉefestraro do startis post la aldono de juna sango per la eldono de pli grandformata kaj pli belaspekta organo „La Internacia Fervojisto". Jam rekompence al la pli-altigota kotizo en 1959a. La transpreno de la taskoj, nur la sekretario okupas en la nova estraro la saman postenon, ne kaŭzis tro multajn malfacilaĵojn malgraŭ ni ĉiam estas serĉantaj al pli perfektigo de la kunlaborado. Plej malfacila estas la divido de la administraciaj kaj korespondaj laboroj, precipe ĉar nia amiko Poptie loĝas en Utrecht.

Teknikaj kaj aliaj kialoj iom inertigis la iradon al definitiva solvo, ĉar por la reorganizado de tiu parto ni bezonas paciencon kaj tempon, por ke la laboro ne stagnu. Malgraŭ ĉiĉio mi jam povas informi niajn membrojn, ke unu el la prokrastitaj promesoj jam estas farita. Nova listo pri la landaj estraroj kaj lokaj delegitoj estas jam en la manoj de la redaktoro.

La tempo inter la jubilea kongreso kaj la fino de la jaro estas tro mallonga por doni la plej ĝustan juĝon pri la nova estraro sed ni povis konstati normalan funkciadon. La ŝanĝoj en la estraro kompreneble kreis novan sferon, grave influita de antaŭaj kaj novaj cirkonstancoj kaj kaŭzoj.

Estas tamen jam ĝojige, ke la nova estraro sukcesis daŭrigi la laborojn kaj certe ne seniluziigis vian fidon en ĝi.

Por mencii aliajn gravajn faktojn el la pasinta jaro, niaj pensoj iras al Aarhus, kie okazis en tre inda maniero nia jubilea kongreso. Ĝi estis jubilea kongreso en la vera senco de la vorto kaj memorigis al ni diversmaniere niajn brilajn kongresojn pasintajn. Detale oni povis legi pri ĝi en nia organo sed ni ne povas subpremi la emon ankaŭ ĉiloke danki la LKK-anojn, ĝiajn helpantojn kaj ĉiujn, kiuj kontribuis al la granda sukceso.

Multaj eminentuloj montris sian intereson pri nia movado kaj plej grave estas, ke ĝi donis bonegan impreson. Aliflanke ni ĝoju pri la granda simpatio inter la neesperantistaj fervojistoj, ekzemple la fervojista muzikistaro, kiu laŭ propra iniciato kolektiĝis sur la perono antaŭ la forveturo de la trajno por krei la necesan sferon por la tuttaga ekskurso per muziko. Sinceran dankon al ĉiuj pro la neforgeseblaj tagoj kaj gastameco!

En „La Internacia Fervojisto" de oktobro, paĝo 9a, ni povis legi pri la okulfrapa sukceso de GEFA, nia Gemana IFEF-sekcio, rilate al la aranĝoj de la Germana Federacia Fervojo okaze de la Universala Kongreso de Esperanto en Mainz. Ni sincere gratulas niajn germanajn gekolegojn pro la

brila sukceso sed ni ankaŭ estu al ili dankaj pro la imitinda ekzemplo. La Germana Federacia Fervojo jam eldonis multajn prospektojn en Esperanto sed nur la Ö.B.B. en Aŭstrio sekvis ĝis nun tiun ekzemplon. Al ambaŭ administracioj ni tutkore dankas pro la morala subteno al nia movado.
Ankaŭ en Helsinki oni aranĝis fakkunvenon, al kiu partoprenis diversaj IFEF-anoj, partoprenantaj la SAT-kongreson. Oni akceptis kelkajn dezir-esprimojn i.a. pri temoj por la fakprelegoj.
Kontraste al la pasintaj jaroj mi ĉifoje ne donos detalajn ciferojn pri la evoluado de nia organizo sed nur mencios komparajn ciferojn pri la progresoj en la jaro 1958a:

## LA MEMBRONOMBRO:

La membronombro estis komence de 1958: **1942** kaj fine de la jaro: **2002.** Modesta sed ĝojiga kresko. Je nia bedaŭro ni konstatis ioman regreson en kelkaj landaj sekcioj sed tre verŝajne la forgesemo sendi ĝustatempe la kotizon al la landaj kasistoj parte estis la kaŭzo. Ankaŭ la ĝenerala kasisto petas afable al la izolaj membroj sendi ĝustatempe la 5 Internaciajn respond-kuponojn por la jaro 1958 kaj 1959, ĉu al li ĉu al la sekretario.

## NOMBRO DA ALIĜINTAJ LANDOJ:

**1958:** En 1958 estis aliĝintaj al IFEF: 16 landaj sekcioj kaj 12 landoj, en kiuj ni havis izolajn membrojn, entute **28 landoj.**
**1959:** estas aliĝintaj al IFEF: 16 landaj sekcioj kaj 10 landoj, en kiuj ni havas membrojn izolajn, **entute 26 landoj.**
La kolego en Maroko transloĝiĝis al Francia dum ni devis eksigi du kolegojn en Portugalio pro ne alsendo de la kotizoj kaj pro ne ricevo de vivsigno.

### La administrado

En 1958 la nombro da ricevitaj korespondaĵoj kaj gazetoj iom malpliiĝis. Tiu nombro estis en 1957 entute 600 kaj en 1958 ĝi estis 503. Ni forsendis en 1957a 165 kaj 1958a 170 poŝt-kartojn, kaj leterojn + 25 presaĵojn.
La membroregistrado same kiel en la antaŭaj jaroj postulis multe da tempo. Akurata registrado evitas multajn malagrablaĵojn sed ne nur financajn. Laŭ la anoncita membronombro ankaŭ la nombro da „Internaciaj Fervojistoj" estas ekspedataj al la diversaj landoj. Ni ne sufiĉe povas akcenti la deziron de la ĉefestraro, ke ĉiu IFEF-ano akurate ricevu nian internacian organon. Por tio estas nepre necese, ke ni disponu pri la ĝustaj nombroj kaj suffiĉe frue, minimume unu monaton antaŭ la ekspedado. La landaj estraroj do serioze kontrolu la membrolistojn kompare kun tiu de IFEF, por ke ne okazu eksiĝoj pro ne ricevo de nia organo. Abonojn oni nur mendu pere de la sekretario por eviti erorojn. Sub la rubriko „El la sekretariejo" vi ĉiam povos legi la plej necesajn komunikojn.
Bedaŭrinde kelkaj aferoj prokrastiĝis sed kiel mi jam skribis, Nova listo pri la landaj estraroj kaj lokaj reprezentantoj estas nun preta. La validan temp-daŭron mi ne povas garantii, la listo nur povas havi utilon se tuj post ĝia apero la estraroj kaj lokaj reprezentantoj akurate informos min pri la ŝanĝoj en la estraroj kaj adresŝanĝoj. Novaj lokaj reprezentantoj ĉiam povos anonci sin, kion ni enpresigos en „La Internacia Fervojisto" sed la membroj mem aldonu daŭre la korektojn.

La esploroj pri la eldonado de libreto pri la historio de nia Fervojista movado stagnis pro diversaj kialoj. S-ro Waysblum el Londono, se mi ne eraras historiisto, sendis al ni la manuskripton sed bedaŭrinde la paketo da Bultenoj perdiĝis, kiun ni sendis al li por verki la parton pri IFEF.
En Aarhus la interesiĝo pri tia verketo montriĝis ne granda, precipe ĉar ni estos ligita al certa kvanto da libretoj.
Kiam ni do nun rerigardas en la malnovan jaron, ĝi ne estis por nia movado tro skuiga. Precipe nun ni ankaŭ vidis la tre gravajn progresojn de la Terminara Komitato, per kio s-ro Ritterspach surprizis nin. La samon ni povas diri pri la fakprelegoj, kvankam bedaŭrinde ne ĉiuj landoj partoprenas en tiu grava tasko. Kvankam la jaro 1958 komenciĝis al ni malfavore pro la grava malsaniĝo de nia tiama redaktoro De Jong, ĝi finiĝis por ni ĝojige ĉar li nun estas nia sana prezidanto.

**La perspektivoj**

Malgraŭ malnovaj aferoj eble ankoraŭ bezonos komentojn aŭ klarigojn ni jam turnu nin al la estonto. Unualoke ni memore al D-ro Zamenhof, kiu naskiĝis en 1859, partoprenu se eble ĉiujn solenaĵojn kaj aranĝu mem prelegojn pri la vivo de la aŭtoro de ESPERANTO.
Estas nun la Zamenhof-jaro, en kiu ni deziras respektplene memorigi la centjaran datrevenon de la naskiĝtago de tiu genia, amoplena sed super ĉio, la simpla kaj modesta homo. En multegaj artikoloj ni povos legi epizodojn el la vivo de D-ro Zamenhof kaj mi forte rekomendas legi ilin.
D-ro L. Zamenhof estis perfekta ekzemplo en ĉio, estas personeco de monda formato sed li tenis sin ĉiam tre humila kaj lasis la ĉefan lokon al aliaj personoj. Lia videbla modesteco donis neforgeseblan impreson al la kongresanoj en Boulogne-sur-Mer. Liaj konsiloj estis edukaj kaj grave kontribuis al bona harmonio kaj amikecaj sentoj por aliaj.
„Ne faru al la ceteraj tion, kion vi ne ŝatus ke oni faru al vi," estas unu el liaj multaj konsiloj, per kiuj li stimulis harmonian kunlaboradon por komuna idealo, kaj al ĝenerala toleremo.
Kiam ni, fervojistaj esperantistoj, en tiuj noblaj pensoj daŭrigas nian laboron kaj honore al la kreinto de nia lingvo, kiu tiom firme interligas nin, duobligos la aktivecon, tiam ankaŭ la kuranta jaro alportos sukcesojn.
La originon de la sukcesoj oni ne serĉu en la supro sed en ĝia fundamento sur kiu ni komune konstruas. La lokaj grupoj kaj la izolaj membroj donas al la landaj sekcioj kaj IFEF la vivon. Ni ĉiuj en la Zamenhof-jaro varbu novajn membrojn kaj revarbu la malnovajn. En Nederlando FERN jam faris imitindan iniciaton kaj mendis 100 kromekzemplerojn de nia organo „La Internacia Fervojisto" por sendi ĝin al malnovaj gekolegoj, kiuj dum la lastaj jaroj forlasis nian movadon. La IFEF-estraro estos preta helpi la landajn sekciojn en tio. Kompreneble FERN dissendis nur unu numeron de nia organo al malnovaj membroj. Por tiu celo la landaj sekcioj pagu la normalajn kostojn + afrankkostojn.
Loka grupo estas la lulilo de niaj estontaj membroj kaj grandparte la edukado al bonaj kaj fidelaj esperantistoj dependas de la fleggepatroj (la kursgvidantoj kaj lokaj estraroj). Per aliĝo al la landaj sekcioj nia familio nacie kaj internacie konstante pligrandiĝos, kio plifirmigas la pozicion de IFEF speciale pro la fortstreĉado en ĉiu lando aparte.
Se io skuis la fidon iamaniere, ni tamen bone konsciu, ke ankaŭ D-ro Zamenhof mem renkontis obstaklojn sur la vojo al disvastigado de Esperanto.

Nia 11a kongreso en Linz jam rapide alproksimiĝas kaj ni kompreneble jam definitive decidis partopreni ĝin ĉu ne?
Venu multnombre al Linz kun klaraj kaj sincarj intencoj meti la ŝultrojn sub la gravan taskon. Se vi ne povos partopreni pro diversaj kaŭzoj, ne forgesu ankaŭ vian taskon en la Zamenhof-jaro!
Tre verŝajne ĉi tiu jarraporto estos mia lasta ĉar mi en decembro 1958 fariĝis emeritulo kaj la 1an de decembro oficiale estos pensiumita.
Al la kongreso en Linz mi estos devigata peti mian demision, jam pro tio, ke mi ne plu povos partopreni ĉiujn sekvontajn kongresojn. La adiaŭo neniam estas agrabla, precipe ĉar per tio rompiĝas multjara kunlaborado, kiu alportis al nia movado maturajn fruktojn. Mi ne povas ne danki ĉiujn geamikojn, kiuj donis al mi la fidon plenumi mian taskon.
La adiaŭo ne signifas rompiĝo en nia amikeco ĉar sendube estos alia tasko en IFEF, al kiu mi povos dediĉi mian tempon. En la komenco de mia jarraporto mi jam skizis la evoluadon pri la estrarproblemo ekde nia kongreso en Zürich sed kvankam ni en Rijeka ankoraŭ aŭdis optimismajn sonojn pri la funkciado de la malnova estraro, ni staris en Aarhus antaŭ la alternativo. La tri estraranoj estis nereelekteblaj.
Ni do esperu, ke ankaŭ la dua paŝo al renovigo de nia estraro ne kaŭzu malfacilaĵojn. Ni ne kaŝu nin malantaŭ problemo sed iru al ĝi renkonte kun la sinceraj intencoj trovi solvon. Tiuj, kiuj sin donis tute al nia afero, ankaŭ en la nova situacio ekvidos elirvojon.
Kun freŝaj fortoj antaŭen en la Zamenhof-jaro al sukcesplena estonto!

La sekretario de I.F.E.F.

## JARRAPORTO DE LA REDAKTORO

Kvankam mi jam en majo 1958 elektiĝis kiel redaktoro, mi efektive komencis mian taskon per la oktobra numero, ĉar mia antaŭulo sinjoro De Jong ŝatis kompletigi la unuan jardekon de nia organo.
Dum tiuj dek jaroj la aspekto de nia Bulteno grave ŝanĝiĝis.
Niaj malnovaj membroj certe memoras la unuan eldonon, kiu aperis post la starigo de IFEF en 1948. Ĝi estis stencilita kaj sendita nur al la sekciaj estraranoj.
Redatoro tiam estis kolego Dirk Muller, kiu pro malsano en majo 1950 estis anstataŭata de kolego De Jong.
La nova redaktoro deziris ke la IFEF-bulteno estu presigata kaj ke ĉiuj membroj ricevu ĝin.
Li sukcesis trovi presiston, kiu povis ĝin prizorgi ne tro-koste. Estis tielnomata fotokopio, kaj ĝi ampleksis komence nur kvar paĝojn. Post kelkaj jaroj ili fariĝis dek du, kaj kelkfoje eĉ dek ses.
Kontenta s-ro De Jong tamen ne estis, ĉar kiel ne-esperantisto la presisto tajpis multajn erarojn, kaj krom tio la komposto estis malbona. Vera presaĵo, kies provon oni antaŭe povas kontroli, nur povas doni la deziratan solvon.
Ankaŭ en tio li sukcesis, kaj kun ĝojo li povis prezenti al la membraro la septembran numeron 1957 presita.
Tio do jam estis grava pliboniĝo, sed kiel progresema homo s-ro De Jong tamen ne estis tute kontenta. Li deziris fari nian Bultenon la plej bona faka gazeto esperantista.
Lia elektiĝo kiel prezidanto de IFEF tamen trastrekis liajn planojn.
Al mi nun la tasko daŭrigi lian laboron. Ne estas facila tasko anstataŭi tian entuziasman funkciulon, sed feliĉe li restas en la estraro, do mi ĉiam povas konsulti lin.

Mi deziras al li en lia nova funkcio la saman sukceson kiu li havis kiel redaktoro, kaj mi dankas lin por la bonaj konsiloj kaj helpo.
Post ĉi tiu resumo sekvas nun la raparto de mia kelkmonata laboro. Laŭ deziro de la kongreso la formato de nia organo iom pligrandiĝis. La kapo estis anstataŭata de pli moderna kaj la nomo ŝanĝata en: „La Internacia Fervojisto".
La iama redaktoro s-ro De Jong diris en la kongreso ke ni faru konkurson inter la membroj pri nova kapo, sed la tempo por fari tion estis tro limigita. Tial la estraro decidis transpreni la sugeston de Jugoslavio nomi la Bultenon „La Internacia Fervojisto", esperante ke ĝi havos la aprobon de la membraro. Amika tipografo estis preta, kontraŭ eta rekompenso fari por ni kliŝojn, tiel ke ni nun povas aperigi nian organon kun bela bildo sur la fronto. Ni bezonas ĉiufoje alian, se eble el diversaj landoj, kaj tial mi apelacias al la bonvolo de la membroj sendi al mi bildkartojn, ne-kolorigitajn, taŭgajn por presigi en nia gazeto.
Ankaŭ artikolojn mi bezonas, ĉar la provizo preskaŭ estas elĉerpita. La Internacia Fervojisto estas por ni ĉiuj, kaj kune ni faru ĝin leginda kaj ŝatata. Mi dankas la kolegojn, kiuj de tempo al tempo sendis siajn kontribuaĵojn, kaj mi estus tre kontenta se ili bonvolus daŭrigi tiel.

H. Hoen.




## ESPERANTA GAZETARSERVO

En la venonta somero Esperantistoj faros rondveturadon per aŭtobuso. La komencpunkto estos Amsterdamo. De tie oni veturos tra Kolonjo, Wiesbaden, Luksemburgo, Bruselo kaj returne al Amsterdamo.
Oni ĉie povos eniri la aŭtobuson, kunveturi, kaj eliri en la loko, en kiu oni komencis la vojaĝon, ĉar la aŭtobuso daŭre cirkulas.




**La raporto de la kasisto aperos en la aprila numero de nia organo.**

Redaktoro H. Hoen, Von Liebigweg 7, Amsterdam-O., Nederlando